# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

MARTO—APRILO 1941.
37-a Jaro — N-ro 488 (2)

Jara abono . . . Fr. sv. 10. —
(Kun libropremio kaj jarlibro)
Anonco: Korespondado
du linioj . . . . . 1. —
Reklamo: Kolonero
unu centimetra . . 1. —

Poŝtĉeko svisa: Genève I 2310.
Poŝtĉeko franca: Lyon 221-76.

ENHAVO:



Redakcio: Palais Wilson, GENÈVE, Svislando

Fondinto: Hector Hodler, † 1920
Redaktoro: Hans Jakob.

Presita 15 junio 1941.

## El ĥaoso al nova ordo

Estas klare al plej konservativa samtempulo, ke post la nuna militado la mondo ne aspektas plu same kiel ĉe la komenco, la pasintaj du jardekoj montris al ĉiu kiu staris ambaŭpiede en la ekonomia vivo — ĉu kiel estro aŭ laboristo klarvida — ke la mondon regis faktoroj, potencoj, kiuj ĉiam pligrandigis la distancon inter kapitalfortaj societoj kaj nacioj unuflanke kaj homoj malriĉaj, eterne kondamnitaj al vegetado, konstante punutaj per reteno de produktaĵoj vivnecesaj aliflanke. Ni spertis, ke en iuj landoj ekzistis abundo de produktaĵoj, fine detruitaj, dume en aliaj landoj regis malsato aŭ urĝa bezono. Ni vidis la nedirektitan ekonomian sistemon, kiu tamen estis estrita por egoismaj celoj.

Novan ordon postulas iuj, aliaj nur justecon. Estas tutcerte ke nova ordo devas veni en la mondon, en la interŝtata vivo, en la socia vivo, en la divido de la teraj riĉaĵoj. La venkonto en la nuna gigantbatalo portos la respondecon, ke fine la nacioj povu vivi en justeca paco kaj rikolti la fruktojn de iliaj penadoj. La batalvorto estas ĵetata en la publikon, sed ĉiel neprecizaj kaj eĉ variaj estas la informoj pri la efektivigo. Dum silentas unu partio tute pri siaj intencoj, la alia tamburas por la — efektive necesa — nova ordo, sed ankaŭ silentas pri la suvereneco de la milite okupitaj landoj.

Ankaŭ la Esperanto-movado bezonas novan ordon, pli racian aranĝon. La restarigo de la movado en multaj landoj postulas rimedojn kaj homojn energiajn kaj sincerajn, kiuj mankos terurige. La ekonomia stato postmilita estos tia, ke la lukson, eĉ sensencaĵon de du paralelaj organismoj la Esperantistoj ne povos pagi. Aliflanke multaj klopodoj, iam tre interesaj, ne estos plu entrepreneblaj pro la komplete ŝanĝitaj kondiĉoj, ne nur financaj.

Plurfoje ni jam atentigis pri neceso jam nun solvi parte la problemon per simpla aranĝo interkonsenta. La tempo kaj sincera volo ankoraŭ ne venis por realigi ion konkretan. Hodiaŭ gravas ke ni eltenu, por ke ni povu realigi tion, kion deziras ĉiu sincera Esperantisto:
novan ordon en harmonio kaj interkonsento.

H. Kürsteiner

# La helpo al la familio Zamenhof

## Oka raporto: la helpo en 1941.

Kiel ni informis en la sepa raporto, la Esperantista interhelpo daŭrigas la subtenon de la familio Z., dum la jaro 1941. La Estraro de UEA, en du kunsidoj diskutis tiun ĉi agadplanon, kiu antaŭvidas sendadon de centkvar pakaĵoj kaj de mono. Ĝi decidis: **Konservi** la bonhavon de la Fundo, deponita en la Svisa Banka Societo kiel rezervon por plej ekstrema kazo, **limigi** la helpon al la supre skizita sendado de nutraĵoj kaj de mono, **entrepreni** konstantan kolekton favore de tiu ĉi helpo.

Ekestas nun vera malfacilaĵo: La nombro de landoj, de kie mono estas sendebla al ni, limiĝis al kvar aŭ kvin. Kaj praktike oni povas kalkuli nur kun la partopreno de Usono, Svedlando kaj Svislando. Necesas, por efektivigi la helpon dum 1941 la sumo de trimil frankoj, en realeco modesta sumo. Estis dissenditaj cirkuleroj al svedaj kaj svisaj samideanoj, kies rezultaton ĝis fino de Marto ni konigas tie ĉi.

Pasintjare usonaj samideanoj kolektis sumon por certigi la vojaĝon de Fraŭlino Lidia Z, al Usono. Tiu ĉi plano **ne** realiĝas. Tial la administranto de tiu ĉi mono, Sinjoro Dubin en Philadelphia, transsendis ĝin al Ĝenevo, pri kio ni kvitancas tie ĉi.

Sume ni disponas budĝete pri la sumo de Fr. sv. 1649,65 kaj ni devus trovi trimilon. Mankas do ankoraŭ Fr. 1350. Evidentiĝas, ke la nuna sistemo de kolektado tempopostulanta, ne kapablas kunigi la monon. Pro tio la Esperantista Interhelpo, entreprenas novan sistemon de kolekto konstanta, nome

**patronadon de la F. Z**

Patronanto de la F. Z. fariĝas ĉiu, kiu deklaras sin preta, pagi ĉiumonate la sumon de kvin frankoj aŭ de kvindek frankoj svisaj dum la jaro 1941, ĉu unufoje, ĉu en dek partoj (ekvivalenta sumo en Svedujo: 50 Kr., en Usono 12 dolaroj)

Ĉiu patronanto ricevos kiel memoraĵon, bildon de nia Majstro kun rilata teksto al tiu ĉi helpo, donita al familianoj suferantaj.

★

El la ricevitaj korespondaĵoj pri la helpo al F. Z. ni represas unu, kiu montras la simpation, kiun renkontis la iniciato de UEA. Estas letero de la Esperanto Asocio en Hong-Kong, datita 24-an de Februaro, alveninta 25-an de Marto. Jen la enhavo:

„Eksciante de via revuo ESPERANTO pri la „Interhelpa Movado" por la familio de nia Majstro kaj ke aperas bonrezultato post la fervora iniciato de via Asocio kaj la varma kaj vasta klopodo de la verduloj de multaj landoj, ni plej arde al vi salutas kun tondra eĥ-esprimo.

En Hong-Kong, same kiel en Ĉung-King la ĉefurbo de la dummilita Ĉinio, oni estas penadantaj por tia movado; oni ne nur kolektas la monkontribuon de ni esperantistoj kaj ne-esperantistaj k-doj, sed ankaŭ tiun de la publiko, kiu nur donas simpation al nia lingvo. Ĉar ni plej lasttempe komencas la signifplenan aferon, ni transdonos al vi la ricevitan sumon, kiu estos tiom kiom bele aspektos kaj faciliĝos por alsendo tra banko.

Ĉu vi bonvole portu por ni nian simpatian saluton kaj ĉian bondeziron al la familio de Zamenhof!

Furiozadas la terurega milito en Eŭropo, kaj via ekzisto kaj insista laboro certe donas speciale grandan signifon. Saluton varman

kun vi firme kaj frate manpremas
kore via
**Hongkonga Esperanto—Asocio**

★

## Monsendoj

De unua de Januaro ĝis fino de Marto estis ricevitaj la jenaj donacoj por la Fundo „Helpo al Familio Z."

### Usono:

Kolekto farita pasintjare kaj konservita ĉe Sinjoro J. W. Dubin, Philadelphia, Pa., 260 USA Dolaroj egala je . . . . . . . . . . . Fr. sv. 1118.—

### Svedlando

Kolektita ĉe S-ro Adamson, redaktoro en Göteborg sekve de cirkulero dissendita Januaro — Februaro:

S-ro Carl Winberg, Bengtfors, 25.—; S-ro Erik Petersson, Malmö, 3.—; S-ro Edv. Gustafsson, Amal, 2.—; S-ro Ernst Eriksson, Stockholm, 10.—; F-ino Sofia Lindberg, 5.—; S-ro John Karlsson, Bettna, 10. ; S-ro Oskar Persson, Göteborg, 1.—; S-ro Verner Ödegard, Hudiksvall, 5.—; S-ro Arvid Karlsson, Göteborg, 5.—; S-ro Viktor A. Johansson, Göteborg, 3.—; S-ro N. A. Isaksson, Hishult, 5.—; S-ro Arne Dahlström, Mjölby, 3.—;S-ro Julius Johnsson, Mjölby, 3.—; S-ro Eric Sörensen, Trollhättan, 3.—; Kils Esperantoklubb, Kil, 5.—; S-ro Ernst Eriksson, Uppsala, 5.—; S-ro A. Hallberg, Stockholm, 5.—; Hugo Sköld, Stenstorp, 5.—; Torsten Claesson, Brastad, 4.—; F-ino Inez Bergström, Ramdala, 10.—; Sr-o N. G. Nilsson, Göteborg, 3.—; S-ro Bjerne Beckman, Strängnäs, 10.—; Laborista Esp. Klubo de Malmö, 12.20; Esperantoförening de Strömsbro, 5.—; S-ro Verner Ödegard, Hudiksvall. Entute 25 sendaĵoj de 24 sendintoj (20 personoj, 3 grupoj) . . . . . sume **152 20 Kr.**

### Finnlando

Nia ĉefdelegito sveda, sinjoro Adamson, en Göteborg, kiu administras la kolekton en nordaj landoj kaj kiu sindone laboras por la efektivigo de la helpo, ricevis la jenan kortuŝan leteron el Finnlando:

„Ni vidis artikolon vian pri Zamenhofa Familio en Januara numero de Arbetar Esperantisten. Tuj post la

vido de ĝi, nia asocio ekis kolekti monon por sama celo. Kolektado okazis dum du semajnoj kaj la sumon oni sendas al sveda komitato de Esperantista Interhelpo, do al vi. Atendu do en plej proksima tempo sumon de Kr. 147.75 kaj sendu tuj, post alveno de la sumo, kvitancon al mi. La kolektado okazis ĉefparte inter FLEA-anoj, sed kelkaj neŭtraluloj partoprenis al tio. Nia laborista movado esperantista kompreneble suferis pro la okazinta militο, sed ni obstine laboris kaj laboras. Momente agadas 5—6 kluboj kun preskaŭ 200 anoj. Bedaŭrinde nia neŭtrala movado tute dormas, nur iuj izolaj personoj inter ili funkcias laŭ eblo.

N. Kavenius.

Kune la du sumoj pri kiuj disponas la administranto en Göteborg estas (152.20 kaj 147.75) **Kr 297.75**

(Nomaro de la finnlandaj donacintoj aperos en venonta numero)

**Svislando**

Donacoj ricevitaj de l'unua de Jan. Ĝis 31-a de Marto: F-ino Monod, Morges, 10.—; F-ino Bréguet, Nenchâtel, 20.—; S-ro Karl Jost, Zürich, 5.—; F-ino Louise Huber, Zürich, 3.—; S-ro Simeon, Luzern, 3.—; F-ino Jeanne Töpholm, Genève, 5.—; S-ro W. Voirol, Biel, 20.—; S-ro Vital, Sankt Moritz, 2.—; S-ro Greuser, Aarau, 2.—; Nova Esperanto Klubo, Sankt Gallen, 10.—; S-ino Tissot, Basel, 50.—; S-ro Prof. Bovet, Genève, 5.—; S-ro Wiltschi, Biel, 3.10; Esperanto Societo Zürich, 10.—; S-ro Siegrist, Muttenz, 2.—; F-ino Monod, Morges, 10.—; S-ino Bichsel, Bern, 10.—; S-ro P. Sch. Thun, 1.50; S-ro D-ro Huber, Uetendorf, 2.—; Esperanto Societo, Bern, 10.—; S-ro Wolf, La Chaux-de Fonds, 5.—; S-ro Trembley, Genève, 5.—; F-ino Alice Früh, Sankt Gallen, 7.30; S-ro Paul Le Brun, Montreux, 5.—; S-ro Vonlanthen, Bern, 1.—; Gesinjoroj Privat, Locarno, 10.—; Gesinjoroj Jayet, Morges, 20.—;

Tuta sumo: **Fr. 233 90**

Resumo: Svedlando—Finnlando: 297.75, Svislando; 233.90 kaj Usono 1118.— . . . . . . Fr. sv. 1649.65

**Universala Esperanto Asocio**
**Esperantista Interhelpo**

Genève, 15 Aprilo 1941.

---

Anita:

# Narcisoj ĉe Montreux

Ekzistas relativaj mirakloj kaj absolutaj mirakloj. Estas nuntempe ekzemple relativa miraklo, ke oni vivas. Kaj al la absolutaj mirakloj apartenas la florantaj narcisoj en la montoj ĉirkaŭ Montreux.

Milionoj da narcisoj floradas sur la deklivoj. Blankaj tapiŝoj, alblovitaj de l' ĉielo. Kelkloke eĉ ne estas unu narciso — kelkaj paŝoj pluen troviĝas tuta kunveno — kial do ĝuste tie ĉi? kial ne tie? Ĉiela kaprico. . . Ĉiam ree tiu ĉi mistera leĝo, kiu sen videbla senco verŝas ridantan plenecon sur unu loko kaj lasas alian sen io ajn.

De malproksime ŝajnas, ke kelkaj montar-deklivoj estas sukerkovritaj. Kiam oni alproksimiĝas kaj blovas tiam malvarmeta vento, spite ardanta suno, tiam miloj de steloj blankaj viviĝas. Moviĝas plengracie, nenion deziras ol blanciĝi, radiadi kaj bonodori.

Devus esti bela, flori kiel narciso sur la montoj ĉirkaŭ Montreux — koni nur la Majon kaj Junion kaj ignori la ceteran mondon.

Dum la semajno estas vera paradizo, sed ankaŭ je la semajnfino ĝi estas ankoraŭ sufiĉe paradize. Tiam venas la ekskursantoj belec-avidaj, sopirantaj je paco kaj trankvilo. Iam grimpis aŭtoj supren, sed ili ne apartenas al tiu ĉi pejzaĝo. En la kadro de la montoj, de la florado kaj de la beleco, konformas la etaj fervojoj, kiuj tiom aminde kaj ĉarme serpentumas supren — tekniko, plena je takto kaj mezuro. La montara fervojo ĉe Montreux estas konforma al la naturo. Ĝi simple apartenas al la pejzaĝo.

El ĉi tiuj fervojoj nun disfluas dimanĉaj vizitantoj, plenspirantaj, senigitaj de zorgo kaj ĉagreno, kaj komence staras mute antaŭ la narcisa miraklo. La homoj — povus esti ankoraŭ multe pli — malaperas en la larĝa floranta pejzaĝo. Kiel etaj muŝoj oni vidas ilin, tie kaj jen inter la floroj. Ili prenas florojn — plenmane, plenbrake, plenkorbe — kaj la herbejoj ridas: prenu, prenu. Prenu de nia riĉeco, ni ne rimarkas ĝin. Riĉeco senfina.

La praktikaj, antaŭvidemaj, la homoj kun mastruma sento kaj ordigita viv-percepto serĉas pli alten la narcisojn apenaŭ ekfloriĝintajn, la verdaj trunketoj ĉe kiuj sidas la flaveta burĝono. Ili ligas ilin zorgeme kaj envolvas ilin en gazetpapero surpresita de militnovajoj de antaŭhieraŭ. Hejme en la koloraj vazoj ekfloras la burĝonoj kaj ili restos freŝaj dum kelkaj tagoj. Neniam ili floros tiel pompe, kiel sur la herbejo, sed tamen. . .

La nelogikaj, malpraktikaj, la sovaĝe entuziasmigitaj homoj prenas volupteme la grandajn plenfloritajn narcisojn. Ili ebriiĝas je ilia pompeco, ili absorbas la sufokigan odoron. Kiam ili revenas hejmen kun la beleco en bukedo, la floroj jam velkiĝis. Plej ekstreme oni savas parton de la floroj tra unu tago. Sed tiu ĉi **„momento vivita en paradizo"** valoras unu seniluziiĝon.

La blanka narciso, **narcissus poeticus** dankas sian nomon al beleta historio. La nimfo Eĥo arde amis junulon Narciso, sed li ne atentis ŝin. La malfeliĉa nimfo konsumiĝis kaj restis nenio alia de ĝi ol la voĉo: eĥo. La severa Nemezo punis la indiferentan junulon, li enamiĝis en sian propran bildon, kiun li ekvidis en fonto kaj li mortigis sin pro malespero.

El lia sango burĝonis la narciso. Tiel povas deveni el malfeliĉa amo io fekunda kaj io bela. Eble ni neniam estus konintaj la miraklon de la floranta narciso, se antaŭ jarmiloj, juna homo estus respondinta la amon de la nimfo. Oni neniam scias, je kio utilas io finfine.

Supre en la montaro floras nun la narcisoj senbride. Kun la kompleta indiferenteco de la naturo al ĉiuj homaj aferoj. Oni povus malesperi pro tio . . . aŭ trovi grandan konsolon en ĝi.

Trad. François Hayotte

# Tra la gazetaro




La lasta numero de la jaro 1940, unu kajero por monatoj oktobro ĝis decembro, laŭ ekstera aspekto ne supozigas, ke ĉirkaŭ Britlando furiozas giganta batalo. Atentinda artikolo en angla lingvo „Esperanto kiel lerneja temo" de James Strachan, estinta eduka inspektoro. La loka kroniko montras, ke Esperanto spite ĉio vivas kaj prosperas, eĉ en la urboj sub kvazaŭ regula bombardado. Leginda lingva studo pri la kondiĉa modo de William Bailey. Epizodo el nuna milito:

### La hejma gvardio

Estis vespero, kaj tra la lumkaŝitaj stratoj promenis du sinjoroj. Ili kunbabilis iom laŭte, kaj du anoj de la Hejma Gvardio, starantaj ĉe stratangulo, subite vekiĝis el sia duondormo kaj atente aŭskultis la parolon de la du preterpasantoj.

„Aŭskultu! diris unu, „Ĉu vi komprenas tiun lingvon? Ili ne parolas angle, ĉu?"

„Tute ne!" respondis la dua. „Nek france laŭ mia scio."

„Ĉu povas esti," flustris la unua, „ke ili parolas germane?"

„Mi ne scias" estis la respondo. „Sed ĉiuokaze ni devus ilin sekvi, por eltrovi ion pri ili. Povas esti, ke ili estas kvina-kolonanoj."

Do, zorgante resti nevidataj, ili sekvis la du virojn, kiuj baldaŭ eniris mallarĝan strateton.

„Jen vera loko por kunvenejo de spionoj!" ekkriis la unua hejmgvardiano.

„Ja jes!" respondis la alia. „Vidu nun! Ili haltas antaŭ pordo kaj eniras. Ni sekvu!"

Ili sekvis la du virojn en malbone lumigatan ĉambron, ĉe kies fino ŝtuparo kondukis en malluman supre. La viroj ankoraŭ parolante la nekonatan lingvon, suprengrimpis la ŝtuparon, palpante sian vojon. Tiel mallume estis, ke unu faletis ĉe la plej alta ŝtupo, supozante, ke li jam atingis la supron. Liaj blasfemaĵoj forigis ĉiun dubon. Sendube la viroj estas fremduloj kaj membroj de iu malamika sekreta societo. La viroj eniris la supran ĉambron. Tie la hejmgvardistoj ekvidis dekduon da homoj kuriozaspektaj. Oni ja povus imagi, ke ĉiu portas bombon en la poŝo aŭ mansako. Neniam antaŭe la gvardianoj vidis tiajn suspektindajn vizaĝojn. La pordo fermiĝis. Silente la gvardianoj proksimiĝis, kaj premis la orelon al la ŝlosiltruo.

Strange! Kio estas? Neniom plu de la fremda lingvo! Ĉiu parolas angle kaj babilas pri bagatelaĵoj: ekzemple pri la sorto de Bolton Wanderers ĉe la Pokal-konkurso, aŭ pri la ĉevalo verŝajne venkonta ĉe la Derby. Du fraŭlinoj pridiskutas novajn ĉapelojn. Aŭdiĝas la sono de sageta ludo. La gvardianoj sin rigardis nekomprene. Subite sinjoro malfermis la pordon.

„Halo", li kriis. „Kion vi faras tie?" La gvardianoj tuse klarigis la situacion.

„La du viroj parolis fremdan lingvon kaj eniris ĉi tien. Ni suspektis sekretan malamikan societon. Tamen ni devas konfesi, ke ni trovis nenion suspektindan. Cetere, ĉiu nun parolas angle!"

„Kompreneble!" klarigis la sinjoro. „Jen la Esperanto-Klubo."

★

Kun matematika precizeco alvenas ĉiumonate el Ekstrema Oriento, la ĉiam enhavriĉa japana periodaĵo.

エスペラント

LA REVUO ORIENTA

El la aro da artikoloj, interesaj certe laŭ la titolo, nur malmultaj estas por ne-japanoj. Ni eŭropanoj admire rigardas la belajn ideogramojn (por ni kriptogramoj) kun bedaŭro foliumas la revuon ne povante legi ĝin.

Kiel oni devas skribi korekte en Esperanto la nomon de la manĉua regno? La kvina numero de la Revuo Orienta respondas tiun ĉi demandon, analizante ĉiujn formojn. Sekve: Manĉukuo, la lando de la manĉuoj, Manĉutikuo = Manĉua Imperio. Kaj Manĉurio estus formo ne plu uzata. Tiu ĉi landnomo apartenus al nova kategorio, adapto de formo internacie pleje uzata. Laŭ regula formado, oni devus diru en Esperanto: Manĉulando Manĉu-ujo (?), Manĉuo (?).

## Esperanto Internacia

La kajero 1—2 de 1941, Januaro kaj Februaro atingis nin. . . la 12-an de Aprilo, elokventa pruvo pri nunaj kondiĉoj en internacia poŝttrafiko. Sub „Tri mirindaĵoj" la du britaj komitatanoj de IEL citas: Unua mirindaĵo: Esperanto, vivas eĉ en landoj okupitaj de fremda armeo. 2-a mirindaĵo: IEL finis la jaron 1940 s e n deficito. La stato de la anoj en la jaro 1939 estis 11496, en 1940 . . . 4 2 4 9, sekve perdo de preskaŭ du trionoj. 3-a mirindaĵo Prezenti kontentigan raporton en 1942.

La sama kajero enhavas la bilancon de IEL. La enspezoj atingis spite ĉio la sumon de 925,10.11 L. St., kaj la enspezoj 916.17.7 L. St., rezultis sekve gajno de 8.13.4. Oni devas sincere gratuli al la gvidantoj de IEL pro tiu ĉi bela rezultato en tia tempo. Eble la kaŭzo de tiu ĉi eksterordinara rezultato troviĝas en tio, ke pro la okupacio de Nederlando, la liverado de „Heroldo de Esperanto" ĉesis, kaj ke sekve anstataŭ pagi ĉirkaŭ 70% de la enspezoj el kotizoj de MAH oni pagis nur 30%, kio sekvigis malplielspezon de rondcifere 60 Funtoj sterlingaj. Plie forfalis la subvencio al Lingva Komitato kun 20.— L. St. kaj la Stokholma Oficejo kun sama sumo proksimume entute

do 100 funtoj sterlingaj, malplielspezo, sekve de la subita ŝanĝo, sed ne el efektiva pliboniĝo. Ankaŭ la vojaĝelspezoj, tiu ĉi zorginfano de ĉia agado internacia reduktiĝis de ĉ. 55 L. St. Tiu ĉi mirindaĵo tro similas je venko de Pirho (ankoraŭ tia venko, kaj ni estos perditaj) por ke oni povu rajte ĝoji pri ĝi!

Sub „Niaj perspektivoj", verkinto F A B A trafe skizas la situacion de nia lingvo kaj movado rilate al la nuna tempo kaj al la estonto. Citinde estas la konkludo:

„Belaj kaj home noblaj idealoj naskiĝas kaj disvastiĝas nur en la libereco. Esperantistoj havas sian idealon. Ĉar ĝi estas inda, ni devas por ĝi labori kaj se necese ankaŭ batali. Ni kiel Esperantistoj estas certe kontraŭ ĉiaj perforto kaj milito. Sed en la nuna mondkonflikto inter BONO kaj MALBONO, ni ne povas resti flanke aŭ proklami nin neŭtralaj. Tio lasta signifus, ke por ni estas egale, ĉu finfine venkos principoj de homaraneco kaj demokratio, aŭ tiuj de barbarismo. Ni deziras ja la venkon de la unuaj, ĉar nia afero kreskos nur kun fortoj de bono kaj justeco."

★




En bela vesto sin prezentas nun la hungara esp. periodaĵo. La lasta numero, kiun ni ricevis, Marto 1941, 16 paĝa ilustrita, kaj kolora kovraĵo, estas ĉefe dediĉata al la lastaj okazintaĵoj, la reveno de ceditaj teritorioj al Hungarlando. Atentinda artikolo, silente aprobata de multaj samideanoj titoliĝas:

### Ĉesu la malpaco

La Hungara Esperanto Federacio dum sia jara ĝenerala kunsido decidis, ke de nun ne toleras inter la Esperantistoj malpaciĝon, intrigon, maljustan kritikon aŭ malpravan atakon kontraŭ iu esperantista Korporacio aŭ persono. Por montri la justan vojon al la samideanoj de la tuta mondo, ĝi deklaris akcepti ambaŭ mondorganizojn (IEL kaj UEA), ĉar ambaŭ havas meritojn en sia laboro por la Esperanto movado. Ĝi intencas helpi ambaŭ organizaĵojn laŭ sia materia forto ankaŭ finance, sed serioze petas la gvidantaron de ambaŭ organizoj: lasu jam la malpaciĝon, faru kiel eble plej rapide ordon inter si kaj komencu per unuigitaj fortoj labori por nia movado. Se kelkaj personoj ne estas kapablaj tion fari, ili forlasu tuj siajn oficojn kaj malaperu. Honto estus por la tuta esperantistaro ke pro kelkaj obstinaj homoj la tuta movado fariĝus malhonorata.

## Renovigo

Ni legas en tiu ĉi dulingva revolucia gazeto de Meksiko artikolon de E. L a n t i, iniciatinto de S A T „Kelkaj impresoj pri Meksiko" el kio ni ekstraktas la jenon:

Mi restis 13 monatojn en Ĉilio, kie ne ekzistas esperanta vivo, kaj tie mi sentis min ekzilita. Tial ĉe mia alveno en Meksiko mi havis impreson similan al tiu, kiun kredeble spertas patrioto, kiu revenas en sian landon post longa foresto. Ĉe samideano Jesus Amaya mi ja trovis esperantan hejmon. Tie kolektiĝas preskaŭ ĉiuj esp. eldonaĵoj. Plezurege mi povis konstati, ke malgraŭ la naciecaj frenezaĵoj okazantaj en Azio kaj Eŭropo, gazetoj aperas, libroj eldoniĝas. „**Esperanto**" de UEA raportas pri laboro farita en Ĝenevo, favore al ekzilitoj, militkaptitoj k. t. p. Kaj I E L instruas al siaj anoj primilitajn terminojn, presiginte en sia jarlibro koncernan fakvortareton. . .

Du tagojn post mia alveno vizitis min malnova S A T—ano, Francisco Azorin, kaj lia filo Manuelo, kies jaka butontruo estis ornamita per SAT insigno. Menciinda ŝajnas al mi, ke la tuta Azorina familio parolas nian lingvon

Kelkajn tagojn pli poste mi konatiĝis kun samideano José Senano, ĝismedola esperantisto kiu nomas ĉiun homon „Frato". Vere fratece li kondutis al mi. En lia hejmo mi havis nepre la impreson estis en Esperantio, tial ke la fenestroj de lia domo estas dekoritaj per verda vitro stelforma.

En Meksiko estas pluraj aliaj samideanoj kun kiuj mi ankoraŭ ne konatiĝis. Per la poŝto mi povas kvazaŭ palpi la fadenojn, kiuj ligas min al homoj el ĉiuj mondpartoj. Per tiu ĉi gazeto mi povas saluti multajn konatojn. Esperantio ne estas do tute fantazia regno, latente ĝi ekzistas kaj neniu alia tasko ŝajnas al mi pli inda pli nobla ol ĉi tiu: ĉiel penadi por plimultigi la anojn de Esperantio kaj ilin interligi. La „pacaj batalantoj" devas konkeri la mondon. La Zamenhofa regno tutmonda konstruiĝos per idealismo, amo, justo, toleremo. — Tiel estu!

★

Ricevitaj gazetoj: La Revuo Orienta (Februaro, Marto, Aprilo); Helena Esperantisto (Januaro — Marto); **La Espero** Stockholm (Aprilo); Bulgara Esperantisto (Februaro); Svisa Espero (n-ro 2) Renovigo (Januaro); Frateco, Sevlievo (Februaro); Arbetar Esperantisten (Marto, Aprilo); ITF, Komunikoj por la gazetaro (n-ro 9); La Suda Stelo (Jan. Febr. Marto); Pernambuco Esperantista (Decembro); Heroldo de Ĉinio (Jan. Febr.); Esperanto Internacia (Jan. Febr.); El Nederlando: La Juna Vivo (Jan.); La Praktiko (Jan. Februaro); Semu Konstante, fluganta folio (Februaro)

# Svisa Esperanto Tago en Langenthal

Kiel unua landa kunveno ĉi-jare la svisaj Esperantistoj renkontiĝis en Langenthal, je la 30/31-a de Marto. Organizis la renkontiĝon, F-ino Lilly Schaerer, sola Esperantistino en tiu ĉi industririĉa loko. Kaj ni tuj diru, ke la aranĝo estis pli ol bona, ja bonega.

Dum sabato posttagmeze okazis ekzamenoj al kiuj partoprenis kvar personoj el la grupo Bern kun bona sukceso. La kunveno lokiĝis en la komforta hotelo „Bären".

Propagandan paroladon, ĉefe por la ne-esperantista publiko en germana lingvo, de D-ro Jaccard, kaj prelegon pri la valoro morala de la lingvo, faritan de H. Kürsteiner, en svisgermana idiomo.

Muzikaj prezentaĵoj ornamis la vesperon, kies supra punkto estis vere arta ĝuo: verkaĵoj de Chopin, luditaj de pola pianisto Kagan, internigito militista. Popolaj kantoj de bernanino en kostumo alternis kun verda ludado de mandolinistoj, ĉio kreinta atmosferon ĝojplenan. Amuza estis du knabinetoj, deklamintaj printempan poeziaĵon en Esperanto. Kaj finis la vesperon... dancado, al kiu sin donis fervore junaj kiel maljunaj partoprenintoj.

La kutiman kunvenon dum dimanĉo oni enkondukis per pianludo, verkaĵo de Chopin. La tagordo enhavis la kutimajn aferojn, raporto pri la jaro pasinta, diskuto pri internaĵoj, honorigo de mortintoj, laborplano por 1941, elektoj. La grupo Zürich estis konfirmita kiel ĉefgrupo kaj D-ro Jaccard ree oficas kiel prezidanto de la Svisa Esperanto Societo.

Oni aŭdis raporton pri la Esperantista Interhelpo, servo de UEA, pri helpo al familio Zamenhof kaj tia al aliaj viktimoj de la nuna tempo.

Ĉe tagmanĝo atendis nin ree surprizo. Zorge aranĝita tablo kun nomoj de la partoprenantoj kaj apud ĉiu karteto, memoraĵo konsistanta el porcelana cindrujo (telereto) kun verda stelo kaj teksto „Esperanto Tago en Langenthal" 1941, produktaĵo de la fame konata porcelanfabrikejo samloke. Plie specimeno de alia industria produktaĵo, telertuketo, ricevita sen karto. Vere la organizinto faris ĉion por reporti nin en la pasintan tempon. La dankon de la ĉeestintoj eldiris la Administranto de UEA, atentigante ke F-ino Schaerer okupiĝis pri ĉio mem, ne mankante eĉ detaleton.

La komunumo Langenthal delegis reprezentanton, kiu en humorplena maniero kaj en svisgermana lingvo, skizis la evoluon de la „vilaĝo" Langenthal, centro de komerco kaj industrio. Langenthal apartenas al unu el ĉi tiuj lokoj kie, dank'al ekzisto de variaj industrioj, la ekonomiaj krizoj neniam gravuris siajn sulkojn, kiel en aliaj industriaj lokoj, nur unuflanke orientitaj aŭ specialiĝintaj. Kaj promenado tra la vilaĝo evidentigis tion kion ni aŭdis.

La partoprenintoj de la tago en Langenthal inter kiuj aro da malnovaj Esperantistoj havis la impreson esti revivinta la belan antaŭmilitan tempon. Ĉiuj disiris kun firma promeso, daŭrigi la laboron spite ĉio. La venontjara kunveno okazos en Neuveville ĉe Biela Lago.

# Niaj mortintoj

Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj en la pasintaj monatoj, aro da komunikoj atingis nin malfrue.

***S-ro André Baudet,*** 64 jaraĝa en Paris. Grandindustristo, iama prezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo, Vicprezidanto de la Franca Societo por Propagando de Esperanto, honora membro de UEA. Dum aŭtuno 1940 malaperis tiu ĉi samideano, multe klopodinta en komerca afero por Esperanto, partoprenis multajn manifestaciojn pri kaj por Esperanto, interalie la konferencon en Venecio 1923, en Parizo 1937. Li prezidis ankaŭ la asocion „Esperanto Komerco".

***F-ino Bronka Aronowicz,*** 6 Aprilo 1941, en Varsovio, anino de UEA dum kelkaj jaroj.

***F-ino A. Blom,*** anino de la grupo en Alkmaar (Nederlando) Jan. 1941.

***S-ro Jan Bonder,*** 51 jaraĝa, polica inspektoro kursgvidinto por policanoj, Hago, Decembro 1940.

***S-ro G. Fjelke,*** eks-rektoro de popola Altlernejo en Tierp, Svedlando.

***S-ro D-ro Walter H. Fox,*** ano de UEA 16036 en Hartford, Michigan, Usono, Januaro 1941.

***S-ro J. W. C. Grootenharst,*** 73 jaraĝa, 17. 8. 1940 en Zeist. (Nederlando).

***F-ino Marie Hammar,*** 92 jaraĝa, en Helsingborg, plej maljuna sveda esperantistino.

***S-ro Henry William Hetzel,*** februaro 1941, 69 jaraĝa, profesoro en supera lernejo, Philadelphia. Malnova esperantisto, plurfoje okupinta gvidan postenon en la movado, eks-komitatano, DM kaj HM de UEA kaj dum multaj jaroj ties delegito por Philadelphia.

***S-ro James Barr Horne,*** 22 nov. 1940, longjara ano 10539 kaj de UEA kaj laste Delegito de IEL, en Glasgow, Skotlando.

***S-ro John Lundgren,*** veterano de la movado sveda, 70 jaraĝa en Hedemora, dum multaj jaroj ano kaj Delegito de UEA. Oni dankas ĉefe al li, ke en la kriza tempo de la reformo 1909, la sveda E — societo ne disfalis. Li redaktis kaj eldonis la gazeton Sveda Esperantisto, de 1913 — 1918; prezidanto de la Sveda E — Federacio, redaktinte tiam ankaŭ la gazeton ***La Espero.*** Bonege majstrante la lingvon, John Lundgren apartenis de 1913 al la Lingva Komitato.

***S-ro Ernest Lee,*** 72 jaraĝa, 17. Nov. 1940, ano 11887 kaj estinta D. de UEA en Crewe, Anglujo, laste Delegito de IEL.

***F-ino Maja Persson,*** 28 jaraĝa, 17. I. 1941 en Lund, Svedlando.

***S-ro István Rákos,*** reĝa konsilanto, hungara samideano. (Laŭ Hungara Heroldo)

***S-ro Albert Schüssler,*** profesoro en Kecskémet, Hungarlando, estinta ano 12678 de UEA (Laŭ Hungara Heroldo).

***S-ro J. E. Smith,*** 32 jaraĝa, pastro en Halifax, 25 Nov. 1940.

# Universala Esperanto-Asocio

Palais wilson, Genève, Svislando

1941 Oficiala informilo N-ro 2

**Jaro 1941.** — La Estraro de UEA, fiksinte la ĝeneralan linion de l'agado dummilita, akceptis proponon de l'Administranto, kaj decidis:

**Daŭrigi** la agadon, limigante ĝin al la plej necesa, **eldoni** la gazeton per la mono disponebla en certaj landoj kaj je minimume 6 numeroj kun 50 paĝoj kune, prepari Jarlibron tiel ke, je plej bona okazo, ĝi povu esti kompostota tuj.

La Estraro kunvenis en du kunsidoj Genève kaj Langenthal, 29, 30-an de Marto.

La estraro plie akceptis la bilancon pri la jaro 1940, kun danko al la Administranto de UEA.

**Helpo al F. Z.** — Pri la helpo al Familio Zamenhof, la Estraro decidis daŭrigi sub kia ajn kondiĉo tiun ĉi aferon. Ĝi akceptis la budĝeton prezentitan por 1941 kiu antaŭvidas bezonon de TRIMIL FRANKOJ svisaj. Ĝi aprobis plie la diversajn klopodojn de l'Administranto, por sendiĝi nutraĵojn. Ĝi decidis plie, ke la mono deponita en la Svisa Banka Societo en Genève estu ne tuŝata sed servu kiel f e r a r e z e r v o.

**Subtenantoj 1941.** — Kun granda plezuro ni povas anonci, ke nian alvokon, subteni UEA per pli alta kotizo de—Subtenanto—bonvolis respondi per aliĝo la jenaj samideanoj:

1. S-ro Paul Bouvier, Genève, Svislando.
2. S-ro Edwin Sievers, Detroit, Michigan, Usono.
3. S-ro Jules Gilliard, Neuveville, Svislando.
4. Sinjorino Albert Jacob, Vence A. M. Francujo.
5. S-ro Charles Ballard, Melbourne, Australio.
6. S-ro Sola Terrassa, Hispanujo.
7. S-ro Jan Rambousek, České budejovice, Bohemio.
8. S-ro Pharo, Kingston, Pa, Usono.
9. S-ro Mast, Amsterdam, Nederlando.
10. S-ro Kearney, London, Britujo.
11. S-ro Haccou, Bandoeng, Ned. Indio.
12. S-ro Mizerit, Ljubljana, Slovenio
13. S-ro H. Kürsteiner, Sankt Gallen, Svislando.
14. S-ino A. Weigall, San Diego, Kalifornio.
15. S-ro Georges Stroele, Neuchâtel, Svislando.
16. S-ro H. Harabagiu, Bucuresti, Rumanio.
17. S-ro H. Mayer, Bucuresti, Rumanio.
18. S-ro K. Szotyory, Brasôv, Rumanio.
19. S-ro D-ro M. Jaccard, Zürich, Svislando.
20. S-ro Ducommun, Les Brenets, Svislando.
21. S-ro Wittenberger, Sudrigie, Rumanio.
22. S-ro Rosario Sgroi, Catania, Italio.
23. S-ro D-ro Edmond Privat, Locarno.
24. Sinjorino Privat, Locarno, Svislando.
25. S-ro Ernõ F a r k a s, Szeged, Hungarlando.

Al ĉiuj koran dankon

**Presado de ESPERANTO.** — Ni rimarkigas, ke pro la malfrua ricevo de la informoj, la apero de la gazeto estas ĉiam pli malfrua. Aliflanke ni devas atenti la prezkondiĉojn, kio devigas nin presigi dumtempe en eksterlando kaj iom malproksime de la redakcio.

Genève, 15 Aprilo 1941.

Universala Esperanto Asocio
Centra Oficejo.

## Esperantisia Interhelpo

La ĉefa laboro nun fariĝas la „Interhelpo". Regule venas helpo-petoj de kaj por viktimoj esperantistaj. Ni faras kion oni povas, sed la diversaj ĉikanoj de la nuna vivo, ĉefe la malpermesoj, igas se ne eble tiom malfacile ĉion, ke necesas stoika pacienco por fine sukcesi en ofte plej ordinara afero, kia estis ekzemple sendo de nutraĵoj .Pro komprenebla kaŭzo, ni ne informas n u n pri ĉio farita, por ne krei malhelpon al samideanoj en malfacila situacio.

### Esperantistaj rifuĝintoj

S-ro Fernando Redondo, kolonelo hispana, konata samideano, nuna adreso: J. B. Tijerina Sur no. 2 A., C.

Victoria Tamaulipas, Meksiko.

S-ro Francisko Azorin, eks-delegito de UEA en Cordoba, nun en P u e b l a, Meksiko.

———

Kamarado E. L a n t i, la iniciatinto de S A T, ĉirkaŭvojaĝinta la teron, atingis Meksikon. Lia adreso estas: Ce Jesus Amaya, Apartado 59, M e x i c o.

———

### Esperantistaj civilinternigitoj

S-ro Jaume Grau Casas, de Barcelona, kompilinto de la Kataluna Antologio: Camp Hôpital de Récébédon, Pavillon 10 Portet-sur-Garonne, Haute Garonne, Francujo,
S-ro A. H o r n i k, de Vieno: Nuna adreso: Hôpital mixte, Pau, Basses Pyrénées, Francujo.

### Militistaj Internigitoj

S-ro André Meyzonnade, de Moulin sur Allier, VD de UEA nun: Prisonnier de guerre 10072, S t a l a g V. B. (Germanujo)

S-ro Józef Dabrowski, (pola soldato) nun: Lengyel Tábor, II. K. Sarvarz 2, Hungarlando.

# Por duona prezo

## Libroj de „Literatura Mondo“

**Favorega oferto. Profitu okazon, akiri valoran literaturon por malalta prezo**

**Verkoj pri la lingvo kaj movado:**

**Prezoj en USA dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Henrik Seppik: LA TUTA ESPERANTO progresa kurslibro | —.48 | — |
| K. Kalocsay: LINGVO, STILO, FORMO, pri la vortfarado en Esperanto kaj pri lingvaj problemoj 144 pĝ. | —.35 | — |
| K. Kalocsay — G. Waringhien: PARNASA GVIDLIBRO, AŬ KIEL FARIĜI POETO Gvidilo por komencaj poetoj 176 pĝ. | —.45 | — |
| K. Kalocsay — G. Waringhien: PLENA GRAMATIKO DE ESPERANTO, grandformata verkego, 500 pĝ. | 1.50 | 1.30 |
| Bleier — Kökény — Ŝirjaev: ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO, Enhavas ĉion sciindan pri Esperanto sur preskaŭ 1000 densegaj paĝoj riĉe ilustritaj, en du volumoj . . . | 3.60 | 3.— |
| Sen ilustraĵoj en unu volumo | | 2.— |
| L. Totsche: DE PAĜO AL PAĜO, Studo pri 12 gravaj verkistoj esperantistaj, 128 pĝ. | | —.30 |
| E. Wüster: KONTUROJ DE LA LINGVONORMIGO | —.45 | — |
| Bleier — Cense: ORA LIBRO de la Esperanto Movado, eldonita okaze de la 50 jara ekzisto de Esp. kun interesaj artikoloj de niaj gravuloj, 240 pĝ. | —.55 | —.36 |
| K. Kalocsay: LA GRAMATIKAJ KARAKTEROJ DE LA ESRERANTO-RADIKOJ 21 pĝ. | | —.10 |

**Prozaĵoj:**

| | | |
|---|---|---|
| Jean Forge: MR. TOT: AĈETAS MIL OKULOJN, detektivromano, 240 pĝ. | —.55 | — |
| Hans Weinhengst: TUR STRATO 4 Romano el vivo de laborista familio, 176 pĝ. | —.50 | — |
| K. R. C. Sturmer: EL LA NOTLIBRO de praktika Esperantisto, penseroj, kontestoj, studetoj, 144 pĝ, | —.25 | — |
| Dr. Edmond Privat: INTERPOPOLA KONDUTO 128 pĝ. | —.45 | —.30 |
| I. Lejzerović: EL LA VERDA BIBLIO. Satira rakonto pri nia movado. Tre bonhumora, 112 pĝ. | —.25 | —.20 |
| Verkaro de Felikso Zamenhof, Frato de nia majstro, dukolore presita granda libro 256 pĝ. | —.75 | —.70 |
| Emba: MARIA KAJ LA GRUPO. Laboristtendenca romano, 176 pĝ. | —.50 | —.36 |
| L. N. Newell: BAKŜIŜ. Noveloj el la vivo de Egiptoj, 144 pĝ. | —.50 | —.36 |
| ĈEHOSLOVAKA ANTOLOGIO. Redaktis O. Ginz. Stan. Kamaryt, preskaŭ 500 paĝa | 1.40 | 1.15 |
| Ŝalom Asch: LA SORĈISTINO EL KASTILIO, Historia romano. Tradukis I. Lejzerović 144 pĝ. | —.45 | — |

**Poemaroj orginalaj kaj tradukitaj:**

| | | |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: STREĈITA KORDO, 192 pĝ. | —.55 | —.40 |
| K. Kalocsay: RIMPORTRETOJ pri esperantistaj famuloj 128 pĝ. | — | —.15 |
| DEKDU POETOJ, kompilita de K. Kalocsay, 128 pĝ. | —.45 | —.25 |
| Dante: INFERO. Trad. K. Kalocsay 352 pĝ. | 1.— | —.80 |

**Diversaj verkoj**

| | | |
|---|---|---|
| H. V. van Loon: RIGARDU LA TERON. El la angla: G. Saville. Interesega historio — geografio kun tre multaj ilustraĵoj kvarkoloraj. Bela libro, bela donaco, 480 pĝ. | 1.55 | 1.30 |
| Hekler: ARTHISTORIO trad. K. Kalocsay, kun 150 bildoj 240 pĝ. | | 1.— |
| Brzekowski—Grenkamp: PRI LA MODERNA ARTO, 96 pĝ | | —.35 |
| Genthon: LA PENTROARTO EN LA MALNOVA HUNGARUJO, kun 100 bildoj, trad. F. Szilagyi, 176 pĝ. | 1.50— | — |
| Aisberg: FINE MI KOMPRENAS LA RADION. Amuza instruo pri la funkciado de la radio, tradukita al 13 lingvoj 128 pĝ. | —.65 | —.50 |
| T. Herzl: LA JUDA ŜTATO. La bazo de la konstruo de Palestino, 144 pĝ. | — | —.30 |
| Slonimski: MIA VOJAĜO EN SOVETIO. trad. Grenkamp, 144 pĝ. | — | —.25 |

Aldonu 20% por sendkostoj: Krome aldonu 10 cendojn por rekomendkostoj por ĉiu 2 kilograma pakaĵo. Pago en ĉia mono, laŭ meza taga kurzo de l'dolaro. Monon kaj pagon sendu al:

**Universala Esperanto Asocio (Libroservo), Palais Wilson, Genève, Svislando**

Presis: Libropresejo „Frateco“, Sevlievo